# ESPERANTISTO SLOVAKA

ORGANO DE SLOVAKA ESPERANTO INSTITUTO

REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: T. S. MARTIN, Kuzmány-str. 29. ČSR-Slovakujo

IV-a JARKOLEKTO • Aŭgusto-Septembro • NUMERO 8—9 (38—39)

*Martin Benka:*

## Nia stelo

(Pri la ĝusta desegnado kaj presado de la verda stelo.)

Ĉiu esperantisto scias, ke la Esperanta verda stelo simbolas ideon: ke la verda koloro estas la koloro de la espero, ke la kvin pintoj signifas la kvin mondopartojn, t. e. la tutan mondon. La Esperanta stelo estas la gvidanto, gvidanta la homaron al la tutmonda paco.

Do la simbola enhavo de nia stelo estas riĉa kaj bela. Sed al tiu ĉi simbola beleco ne ĉiam konformas la formo, la desegnomaniero, trovebla sur Esperantaj presaĵoj; ĉi-stelojn plej ofte desegnis diletantoj, kiuj ne konis la regulojn de heraldiko. Ofte sur libroj, glumarkoj, afiŝoj kaj gazetoj oni povas vidi stelojn plej diversajn laŭ formo kaj koloro. Rigardante tiun ĉi ĉielon de verdaj, ja pleje nigraj kaj diversforme desegnitaj kaj presitaj „verdaj" steloj, oni trovas rimarkindan ĥaoson. Ni provu trovi elirejon el tiu ĉi ĥaoso, kiun naskis aŭ nekono aŭ persona indiferenteco de la desegninto. Certe ne estas bezone tro akcenti, ke al la ĝusta uzado de tiu ĉi simbolo estas necesaj ne nur sincera respekto al la simbolo mem, sed ankaŭ certaj atento kaj fakaj konoj.

Estas ja grave scii, ke la Esperanta stelo, presita eĉ sur verdkolora papero, neniam povas esti tute malplena, ĉar mankus al ĝi unu el ĝiaj ecoj: la koloro de la espero. Por ĉiu koloro, presota nigre, estas en la „Heraldika Arto" internacie fiksita presmaniero. Por ĝuste signi la kolorojn en la nigra preso estas necese scii, ke *ĉiu koloro havas sian strekmanieron,* laŭ kiu la fakulo rekonas la kolorojn de la desegnitaj objektoj.

Laŭ la direkto de la strekoj la koloroj estas jenaj:


Verda


viola


ruĝa


blua


flava


nigra

Ĉi-kaŭze la verda stelo darfas esti presata tute nigre aŭ tute blanke (sen strioj) nek sur blanka, nek sur verda papero. Blankan stelon, kvankam sur blua fundo, havas Usono, rustoruĝan USSR, diverskolorajn stelojn uzas diversaj societoj kaj unuopuloj.

La Esperanta stelo, presata nigre, devas esti striita diagonale, de supre maldekstre malsupren dekstren, ĉar sole ĉi maniere ĝi signas la koloron de l'espero. Ĉi maniere ĝi devas esti striita eĉ sur verdkolora papero! Ankaŭ grave estas, ke en la Esperanta stelo neniam manku la granda E-litero! Sen tiuj ĉi ecoj la kvinpinta stelo ne estas tiu de esperantistoj.

Do, ni desegnu kaj desegnigu tiun ĉi belegan simbolon ĝuste!

# Kio okazas en ĈSR

## VI.

## AKCIO DE „MIROŠOVA GRENERO".

La militdomaĝita malriĉa orienta Slovakio ĉiam ege bezonis ĉiuspecan ŝtatan helpon, sed nun ĝi komencis jam propraforte konstruiĝi kaj leviĝi ekonomie eĉ kulture. La terkulturistoj-kooperativanoj en *Mirošov* decidis — krom ekonomia konstruado — ankaŭ finpretigi en sia vilaĝo kulturdomon kun scenejo, klubejoj kaj kooperativa banejo. Ne havante sufiĉe da monrimedoj, ili tamen ne volis peti ŝtatan subvencion kaj kun helpo de la loka pastro ili organizis libervolan akcion, laŭ kiu el ĉiu centkilogramo da cerealoj, transdonita al la publika nutrado, ili donacas por kultura konstruado de la vilaĝo 5 kronojn kontante. Sed ankaŭ el aliaj produktaĵoj ekz. terpomoj, furaĝo, lakto, viando kaj ovoj ili dediĉas konforman monoferon por propra kulturbezono. —

Ĉi tiu akcio, nomata „Mirošov-a grenero", estas grandsignifa, ĉar la konsciaj mirošovaj terkulturistoj alvokis ĉiujn siajn kolegojn-kooperativanojn kaj la vilaĝojn en tuta Slovakio organizi similan akcion.

(Laŭ la gazeto „Práca".)

## VII.

## KLERIGO DE AMATORAJ TEATRISTOJ.

En kadro de la ĉijara XIX-a konkuro de amatoraj teatristoj dum aŭgusto en orientbohemia urbo H r o n o v okazis ankaŭ instrua kurso. Ĝi ne limiĝis — kiel la ĝisnunaj je problemoj pure teknikaj kiel ekz. maskumado, studado de rolo ktp, sed ĝi entenis ankaŭ klerigadon ideologian. La amator-teatrista agado estis ĝis nun ofte hermetike izolita de aliaj konsistaĵoj de nia kultura kaj arta vivo, sen kontakto kun la ekonomia okazado. Bonaj rezultoj estas atendataj ne nur pro la zorgema elekto de kursanoj sed ankaŭ pro la antaŭstudo de preskaŭ 20 libroj kaj broŝuroj ekonomiaj kaj politikaj (Marx, Lenin, Gottwald, Ždanov, Kalinin, Štoll, Reimann, Černyševskij, Václavek, Stanislavskij ktp.) kaj pro la teknika maniero, kiel la kursanoj laboris kolektive en rondetoj kaj individue.

Ĉiumatene je la oka estis diskuto pri la teatraĵo, prezentita dum la antaŭa posttagmezo. Partoprenis ĝin la tuta kolektivo aŭ almenaŭ la ĉefaj aktoroj kun la reĝisoro. Ekde la 9a ĝis la 12a (kun 2 paŭzoj) estis prezentita la ĉefa prelego. Posttagmeze ĝis la 4.30a laboris ideologiaj rondetoj (entute 5), kun rezulta resumigo en ĉeesto de la preleginto. Je la 5a okazis plua teatroprezentado kaj post ĝi diskuto kun la publiko. Vespere sekvis propra studado ĝis la 10a aŭ 11a.

Krom diskutoj pri la prezentitaj teatraĵoj oni en la 3-semajna kurso aŭskultis prelegojn pri la scienca mondkoncepto, pri historio de la laborista movado, pri historio de arta kreado, pri krea metodo de la socialista realismo, pri la ĉeĥa kaj slovaka dramaturgio, pri kulturo en USSR kaj popolaj demokratujoj, pri la evoluo kaj problemoj de popola kreipovo, plue pri reĝio, aktora kreado, sceneja belarto, malgrandaj scenejaj formoj, marioneta kaj porinfana teatro. Unu el la plej signifaj principaj prelegoj estis tiu de inĝ. arĥ. M. K o u ř i l pri „Taskoj de la kulturo en la kvinjara plano". Per ĉi tiu temo — li diris — ni povas demonstri la marksistan teorion laŭ kiu la kulturo estas surkonstruaĵo de la ekonomia okazado. Poste ĉi tiun premison li okulfrape dokumentis per konkreta aplikado de la 10 punktoj de prezidento Gottwald je problemoj kulturaj kaj artaj. La plenumo de la kvinjara plano daŭre plialtigos la vivnivelon — eĉ kulturan — de niaj popoloj.

Estas necese enhejmigi la novan opinion pri laboro ĝenerale, pri mastrumado kun fortoj kaj fiksado de taskoj por unuopaj laborantoj. Kulturlaborantoj povas efike kunhelpi en la daŭra solvo de laborpagdemando, en la batalo kontraŭ egaligeco, kontraŭ malŝparemo pri materialo. Estas necese plifirmigi la publikan, socialan sektoron ankaŭ en kulturo kaj arto, kie supervivas sufiĉe granda sektoro privata. Ĉe varbado de la vilaĝo kaj venkobatado de la vilaĝaj riĉuloj oni devas eliri el la medio de unuopaj kulturregionoj. Estas necese helpi al la vilaĝo en kulturaj aferoj. La kulturo dependas ankaŭ ĉi tie de la ekonomiaj kondiĉoj kaj ankaŭ ĉi tie ni povas reinflui la ekonomian flankon de la vivo. Estas necese krei kaj eduki novan inteligentularon kaj ekipi ĝin per armiloj marks-leninaj. La pliseverigota klasbatalo efikos antaŭ ĉio sur kampo ideologia. Ni devas venki la tradician etburĝan postrestaĵon inter la kulturlaborantoj. Ili devas esti instruataj, por ke ili ekkonu la novajn manierojn de pensado kaj socialista laboro. Ni devas forigi ankaŭ la restaĵojn de la burĝa nacionalismo, kiu disigas la homojn kaj naciojn, kaj ni devas starigi kontraŭ ĝi la proletan internacionalismon, kiu konstruas la socialisman societon kaj fontiĝas el sento de proleta komuneco. Sed samtempe estas necese kontraŭbatali ankaŭ la maldekstrajn deflankiĝojn, trasaltantajn la unuopajn ŝtupojn de la evoluo (konvinkigo kaj instruado) kaj ŝatus dikti. Ni devas plifortigi nian nacian konsciencon kaj laborklopodon por plenumi la kvinjaran planon. Laboro estas la senco de la vivo! Ni devas atentigi pri grandaj ekzemploj kiel nia prezidento Gottwald kaj la soveta civitano, kies nivelon ni volas atingi.

La teatristoj povas fariĝi konvinkigantoj de la popolo ne nur pere de prezentado de sovetaj teatraĵoj. Ili devas pliriĉigi la konojn de la popolo kaj vekigi en ĝi novajn laborimpulsojn, kiel ili tion faras ekz. per la teatraĵo de Káňa „Partio de *akrigisto* Karhan“! La kulturo devas plibeligi la vivon de la popolo, sed oni de trotaksu ĝian taskon: doni ripozon post la laboro. La popola arta kreado montriĝas kiel ĝojo pri la sukcesplena konstrulaboro, kiel ni tion plej bone vidis ĉe la konstruado de la Fervojo de junularo. Ni ĉiuj devas evoluigi ĉi tiun kreikapablon kaj transdoni ĝin pluen. Nur tiamaniere la senideaj esprimaĵoj povas esti samdirektigitaj.

Koncize laŭ J. Pober esperantigis *Eliz.*

# *Suno parolas*

*Viajn fenestretojn bonvole*
*malfermu*
*Viajn lignopordojn bonvole*
*malfermu*
*Lasu min eniri, lasu min eniri*
*Lasu min eniri viajn dometojn!*

*Kunportas mi orkoloran floreton*
*Kunportas mi el arbaro bonodoron*
*Kunportas mi lumon kaj varmeton*
*Kunportas mi je mia tuta korpo*
*roson.*

*Levigu, levigu*
*El viaj kusenoj viajn kapojn!*
*Malferminte okulojn*
*Rigardu mian alvenon!*

*Viaj koroj estas lignopordoj*
*Fenestretojn fermitajn do*
*malfermu rapide*
*Lasu min disverŝi al viaj koroj*
*roseron*
*Kaj varmeton, lumon, floretojn,*
*bonodoron!*

El poemaro „Informo de tagiĝo“ tradukis Linlan.

# Alvoko de japanaj radiolaborantoj

Karaj gesamideanoj,
ni estas membroj de Esperanta rondeto ĉe radiostacio en Osaka, la dua plej granda urbo en Japanujo. Nia kurso okazas dufoje ĉiusemajne dum tagmeza paŭzo, sub gvidado de k-do T. Kurisu. Ni ankoraŭ ne posedas Esperanton sufiĉe, sed ni fervore lernas.

Nun en Japanio ekzistas nur unu organizo por brodkasto (radio-elsendado, radio-disaŭdigado). Ĝi nomiĝas Japana Brodkasta Radio Kompanio kaj troviĝis sub forta kaj senpera kontrolo de la registaro antaŭ kaj dum la milito. Kiam la milito finiĝis, la radio transiris sub la gvidadon de la Usona Okupa Armeo.

Kiam Japanio akceptis la Potsdaman Proklamon kaj kapitulaciis, la armeo malorganiziĝis kaj leviĝis demokrata movado. Fondiĝis multaj laboristaj sindikatoj kaj ankaŭ la komunista partio akiris legalecon kaj komencis viglan agadon. Ankaŭ ĉe nia laborejo formiĝis forta sindikato, sed oni projektis splitigi ĝin kun aserto, ke estas ne dezirinde havi komunistojn en la sindikato kaj oni fine sukcesis sub aktiva helpo (korupto, minaco de maldungo ktp.) flanke de la direkcio organizi apar-

tan, duan sindikaton tiom influan, ke ĝi enhavas plimulton de la laboristoj. Aliflanke la unua sindikato rimarkinde malplifortiĝis kiel rezulto de tiu ĉi malfeliĉa dissplitiĝo. Ni deziras, ke niaj du sindikatoj reunuiĝu kiel eble plej baldaŭ.

Ni volas informiĝi, kiel funkcias radio-disaŭdigado, kiel vivas kaj laboras radiolaboristoj kaj la laborantaj popoloj ĝenerale en eksterlando. Ni volas informiĝi ankaŭ pri la agado de laboristaj sindikatoj ĉe vi.

Ĉe nia radistacio laboroj estas dividitaj en diversajn fakojn, kiuj siavice dividiĝas en plurajn subfakojn. Ekzemple la disaŭdiga fako subdividiĝas en muzikan, teatran, lekcian, informan kaj aliajn fakojn. Krom la disaŭdiga fako ekzistas teknika, administra kaj aliaj fakoj. Entute nia radiostacio havas sufiĉe komplikan strukturon.

Kelkaj el ni okupiĝas per informado. Tiucele ni radioraportistoj kolektas informojn, sed oni ĉerpas materialon ankaŭ el informoj senditaj de informagentejoj kaj ĵurnalejoj. La disaŭdigo de informoj okazas ĉe ni ĉiutage sesfoje po 20 minutoj. Nun ni povas kolekti informojn, sed ni esperas iri por nia laboro eksterlanden, kiam nuna speciala limigo foriĝos. Japanio izoliĝis de la ekstera mondo dum la longa milito kaj verŝajne konsiderinde postrestas de la progreso de la mondo. Ni aspiras likvidi tiun ĉi bedaŭrindan postrestecon plej baldaŭ kaj ankaŭ tio estas motivo, kial ni komencis lerni Esperanton. Ni volas informiĝi ankaŭ pri la informaj aferoj ĉe viaj radiostacioj.

En nia rondeto lernas ĉirkaŭ 15 gekamaradoj el diversaj fakoj de nia stacio. Inter ni troviĝas ankaŭ reĝisoro, aktorino, sekretario de la unua sindikato, kantistoj, oficistinoj ktp.

La vento de „malvarma milito“ blovas ankaŭ en Japanio. Sed la milito neniam okazos, se laboristoj de la tuta mondo unuiĝos kaj agos kontraŭ ĝi. Ĉiam estis la laboristoj, kiuj suferis pro la milito eĉ en la landoj venkintaj. Ni kredas, ke Esperanto multe helpos tiurilate.

Nun ni finas kaj atendas vian baldaŭan respondon.

*Laboristoj de la mondo, unuiĝu per Esperanto!*

*Per Esperanto por mondpaco!*

Kun amikaj salutoj:

*H. Onada, H. Ohto, H. Niŝikaŭa, T. Takeda, S. Sato, T. Taĵima. I. Tanaka, H. Ninokata, T. Josikawa.*

Adresu al: T. Kurisu Hannan-cho, Naka 5-23, Abeno-ku OSAKA, Japanujo.

# Bratislava „sonolis“ jam antaŭ 25 jaroj!

La artikolo „Praktiku la lingvon“ en la 6-a numero de ES memorigas min pri malnovaj tempoj. Antaŭ 20 — 25 jaroj ni praktikis en Bratislava la saman metodon, renkontiĝante ĉiusemajne en la kafejo „Savoy“, kie ni babiladis nur esperantlingve. Sed nin ne devigis antaŭaj promesoj aŭ reguloj „silenti nacilingve“; tio estis ĉe ni memkomprenebla afero, ĉar tiutempe la gesamideanaro en Bratislava estis diversnacia. Nia vigla societo altiris la atenton de la ceteraj gastoj en la kafejo kaj ili ofte demandadis la kelnerojn, kiuj ni estas. La uzado de Esperanto tiom enradikiĝis en Bratislava, ke eĉ hodiaŭ ni parolas dum niaj klubaj kunvenoj ekskluzive nian lingvon. Kaj ni uzas ĝin ĉiam renkontiĝinte surstrate ktp. Ekz. kun nia prezidanto Rosa, aŭ kun nia protokolistino Seppová mi ankoraŭ ne parolis naci-lingve.

Dum kelkaj jaroj vivis en Bratislava fervora esperantisto el Žilina, samideano Jozefo Popper. Tiu havis sian propran metodon. Kiam iu demandis lin, kiun lingvon ni parolas, anstataŭ informo li diris energie: „Donu al mi kronon! La demandinto embarasiĝis, sed post ripetita postulo li elpoŝigis Kčs 1.— kaj s-ano Popper donis al li „Ŝlosilon.“ Li ĉiam portis kun si kelkajn ŝlosilojn kaj dum niaj kafejaj kunvenoj aŭ ekskursoj li ĉiam disvendis kelke da ili. Dum la milito la nombro de la kafejvizitantoj degeladis, ĝis fine ni tute ĉesigis niajn kunvenojn. Kaj nun ni „sonoladas“ nur dum niaj merkredaj kunvenoj. Ĝi estas bona metodo, same por perfektiĝo kiel ankaŭ por propagando de nia lingvo. Mi varme rekomendas ĝin al ĉiuj gesamideanoj.

*JUS-ano*

---

*Tao Sing Ce:*

KONSILO.

La vino de Venuso
Dolĉegas kun amaro.
Se ĝin ĝuas duopo
Ĝi estas ja nektaro.
Sed ĝi antaŭ triopo
Acidas eĉ por flaro.
Venenigas ĝi, se vi
Kapricus pri pokalo.
Jen konsilon mi donas
Al nia junularo.

El ĉina lingvo tradukis
HONFAN.

# Kiel princo lernis ŝteli

(Slovaka popolrakonto.)

Vivis iam reĝo kaj havis unu filon. Li estis tre saĝa. Li konis ĉiujn metiojn, nur ŝteli li ankoraŭ ne konis. Tial li diris foje al siaj gepatroj: „Mi devas iri en la mondon por lerni ŝteladon“. La gepatroj malkonsilis tion al li, sed la princo ne obeis kaj foriris.

Li venis en arbaron, en kiu vivis dudek kvar rabistoj, kaj la dudekkvina estis la estro, kiu estis samtempe sorĉisto.

— „Dio donu feliĉon, kamaradoj!“, diris la princo; kies nomo estis Saĝemulo.

— „Dio donu ankaŭ al vi, princo Saĝemulo,“ respondis la estro, „kion vi volas tie ĉi?“

— „Mi vizitis vin, ĉar mi volas lerni vian metion.“

La estro respondis:

„Ankaŭ tion vi povas lerni. Aŭskultu, kion mi diros al vi: Nun iros survoje buĉisto kondukanta bovidon. Se vi forŝtelos de li bovidon, kaj la buĉisto nek vidos vin nek scios pri vi, kaj se vi alkondukos la bovidon ĉi tien, vi fariĝos rabistestro anstataŭ mi, ĉar mi estas forironta al unu reĝo por esti lia sorĉisto.“

La princo decidiĝis provi tion.

Li alvenis la vojon, kie la buĉisto estis ironta kaj sidiĝis malantaŭ unu arbetaĵon. Kiam li vidis, ke la buĉisto jam proksimiĝas, tuj li senvestigis sian maldekstran piedon, metis la boton en la mezon de la vojo kaj li mem kaŝiĝis malantaŭ la arbetaĵo. Kiam la buĉisto kun la bovido venis al la boto, li rigardis ĝin de ĉiuj flankoj kaj ekpensis:

— „Se estus ankaŭ la dua, mi prenus ĝin. Sed kion mi faru kun unu boto?“

Li lasis la boton kuŝi kaj daŭrigis sian vojon. La princo surmetis la boton, antaŭkuris la buĉiston, kaj kaŝiĝis denove malantaŭ unu arbetaĵon. Li senvestigis sian dekstran piedon kaj metis la boton sur la vojon.

Kiam la buĉisto venis al la dekstra boto, li bedaŭris, ke li ne prenis la maldekstran. Li konsideris, kion fari... Post iom da pripensado li alligis la bovidon al arbeto, lasis la boton kuŝi sur la vojo, kaj revenis por la unua boto.



Pruntedonis „Krásy Slovenska"

Virinoj el Hradište (okcidenta Slovakio).

La princo forlasis sian kaŝlokon, malligis la bovidon kaj forkondukis ĝin en arbaron al siaj kamaradoj-rabistoj.

La estro tre laŭdis la princon kaj destinis lin kiel estron al siaj dudek kvar kamaradoj kaj li mem foriris al iu reĝo kiel sorĉisto.

La princo ne intencis plu praktiki la rabistan metion, kaj konsilis al siaj kamaradoj, ke ili ĉiuj dispartigu la rabaĵon kaj disiru en siajn hejmojn.

La rabistoj obeis.

Post pli longa tempo venis la princo Saĝemulo en la urbon, en kiu la estinta rabistestro funkciis kiel sorĉisto kaj tie li volis perfektiĝi en ŝtelado. Li venis ĝis al la fino de la urbo, kie loĝis malriĉa botisto. Li eniris la korton kaj ekfrapis la pordon.

— „Kion vi volas?“ demandis la botisto.

— „Mi serĉas laboron,“ respondis la princo.

— „Mi estas nur malriĉa botisto, mi mem havas nur malmulte da laboro kaj ne povas vin dungi.“

La princo replikis:

„Nenion faras. Estos sufiĉe da laboro eĉ por la reĝo. Mi estas bonege ellerninta. Kun mi vi povos tre bone vivi.“

La botisto tre ĝojiĝis kaj dungis lin kiel helpiston.

Unu tagon kaj la duan ili laboris, sed la trian tagon petis la helpisto Saĝemulo de sia majstro sakon. La majstro alportis ĝin. Saĝemulo prenis ĝin kaj iris en la reĝan kameron por ŝteli oran monon. Feliĉo favoris lin. Li ŝtelis la monon kaj alportis ĝin al la botisto. La duan tagon li faris same. Al la botisto plaĉis la afero, kaj la trian tagon li diris:

— „Mi iros kun vi, ni povos alporti pli multe.“

Sed la reĝo ekrimarkis jam la duan tagon, ke lia mono perdiĝas. Li demandis do sian sorĉiston, la estintan rabistestron, kiu ŝtelas la monon. La sorĉisto sciis tion tre bone, sed li ne povis perfidi la veran ŝteliston, ĉar li estis ligita per ĵuro ankoraŭ el la rabista tempo, ke li neniam perfidos siajn kamaradojn-ŝtelistojn. La sorĉisto donis al la reĝo nur ĉi tiun bonan konsilon:

— „Mia bona reĝo, elfosigu antaŭ la kamerpordo profundan kavon kaj plenigu ĝin per peĉo. Kiu volus ŝteli la monon, falos en peĉon kaj vi trovos lin tie.

La trian tagon iris Saĝemulo ŝteli kun sia majstro. Kiam ili venis

al la reĝa kamero, ordonis Saĝemulo al la majstro iri antaŭen. La majstro iris kaj falis en la peĉon. La helpisto ne povis lin el la peĉo eltiri. Por ke la reĝo ne konu la ŝteliston, detranĉis Saĝemulo la kapon de la majstro kaj enmetis ĝin profunden en la peĉon. Poste li transpaŝis la kavon, prenis tiom da mono, kiom li kapablis forporti kaj iris hejmen. La botistedzino demandis:

— Kie estas la majstro?"

— „Al majstro okazis malfeliĉo. Li mortis tie, sed vi ne zorgu pri tio, de tiu-ĉi tempo vi vivos multe pli bone ol kun via edzo. Mi portados al vi monon."

Sed la botistedzino ne kontentiĝis per tio kaj priploris sian malfeliĉan edzon.

Matene, kiam la reĝo vidis en la peĉo homon sen kapo, li demandis sian sorĉiston:

— „Sorĉisto, kiu ŝtelis mian monon?"

La sorĉisto sciis tion, sed li ne povis diri, ĉar li estis ĵurligita. Li konsilis al la reĝo, eltirigi la senkapan korpon, metigi ĝin sur veturilon kaj veturigi ĝin tra la stratoj. Kiu ploros vidante la kadavron, tiu certe povos ion diri pri la ŝtelisto.

La botistedzino eksciis, ke oni veturigos ŝian edzon tra la urbo kaj ŝi tre timis ke ŝi ne perfidu sin per sia ploro. Saĝemulo konsolis ŝin kaj diris:

— „Mi donos al vi monon, vi iros en vendejon kaj aĉetos multekostajn porcelanajn telerojn kaj pladojn. Kiam oni veturigos vian edzon preter vi, vi falos teren, la teleroj kaj pladoj disrompiĝos kaj vi povos plori kiom ajn vi volos.Kiam la reĝo demandos, kial vi ploras, vi povos respondi:

— „Kiel mi ne plorus, kiam disrompiĝis mia multekosta vazaro."

Tiel okazis. Kiam ŝi ploris, elpoŝigis la reĝo sian monujon, donis al ŝi monon kaj diris:

— „Ne ploru, malfeliĉulino, iru hejmen kaj morgaŭ vi povos aĉeti novan vazaron."

Pasis kelkaj tagoj. Saĝemulo senĉese forportadis la monon el la reĝa kamero.

La reĝo venigis al si la sorĉiston kaj demandis:

— „Ĉu vi neniam povos al mi diri, kiu ŝtelas mian monon?"

La sorĉisto sciis tion tre bone, sen li ne povis tion perfidi, kaj tial li donis al la reĝo jenan konsilon:

— „Tiu homo, kiu ŝtelis vian monon, devas esti tre kuraĝa kaj saĝa. Vi povos lin kapti kaj denove ekposedi vian monon nur tiel, se vi edzinigos al li vian filinon.“

La venontan tagon sciigis la afiŝoj en ĉiuj stratoj de la urbo:

„La saĝa kaj kuraĝa homo, kiu ŝtelis la monon el la reĝa kamero, venu en mian kastelon. Mi tre ŝatas lian saĝecon kaj mi edzinigos al li mian filinon.“

La princo Saĝemulo anoncis sin tuj kaj deklaris, ke li estas princo, kaj ke li ŝtelis nur por ke la popolo konu lian lertecon.

La reĝo edzinigis al li sian filinon kaj testamente donacis la tutan reĝolandon.

*Esperantigis: Jaroslav Procházka.*

*Štefan Krčméry:*

# *Nokť, mia patrin'*

*Stelriĉa nokt', vi satas de l'kanzon',*
*stelriĉa nokt', mia patrin'.*
*Silente ploras violona son' —*
*Mi plendos: kor' doloras min . . .*
*En tia nokt' mi estis kantriĉa,*
*je plor' nokt' tia estus sufiĉa —*
*Stelriĉa nokto, nokto sata de l'kanzon',*
*ha, doloras min la kor' . . .*

*Stelriĉa nokt', sin verŝu je la kord'*
*plor' kiel aŭ cimbala rid'.*
*Kantetoj sonu antaŭ ĉiu pord'*
*sincere, dolĉe, sen perfid'!*
*Ha, foje en la golfo de la mar'*
*al akvoj falis granda stela ar' —*
*Stelriĉa nokto, nokto sata de l'kanzon',*
*ha, doloras min la kor' . . .*

Tradukis *J. V. Dolinský.*

*J. V. Dolinský:*

# Ĉu ekzistas Esperanta ortografio?

Certe multaj samideanoj, estinte pridemanditaj de ne-esperantistoj, respondis la supran demandon negative, ne nur por pligrandigi la facilecon de Esperanto, sed ankaŭ pro tio, ĉar en la Esperanta gazetaro ili vidadas tiujn samajn vortojn (ekzemple la nomon de la lingvo mem) ofte en tiu sama gazeto eĉ sama kajero, diverse skribitaj. El tiu ĉi fakto oni konkludas, ke Esperanta ortografio — *ne* ekzistas, ke en Esperanta skribado regas plena arbitro.

Kaj tamen al la supra demando mi devas respondi *pozitive*, ĉar Esperanta ortografio efektive ekzistas. Ĝi estas ja ne tiel komplika kiel la nacilingvaj ortografioj, sed konforma al la lingvo mem.

La regulojn de Esperanta ortografio oni povas resumi en tri punktoj, el kiuj

*la unua* koncernas la ĝustan skribadon de kiu ajn vorto,
*la dua* la skribadon de ja majusklo en la frazo kaj vorto,
*la tria* la skribadon de la interpunkcioj.

Gravan eraron faris kaj ankoraŭ nun faras la aŭtoroj de Esperanto-lernolibroj, kiuj prisilentas la Esperantan ortografion aŭ ĝin supraĵe komparas kun tiu de la nacilingva, erarigante ĉi-age la lernanton.

Ankoraŭ pli gravan malutilon faras niaj gazetistoj, malzorgante tiun ĉi flankon de la lingvo kaj ĉi-maniere tenante sian legantaron daŭre en ne-proprakulpa mis-sciado. Ni ne povas imagi al ni Esperantan redakcion sen la du fundamentaj verkoj prilingvaj, nome la *Plena Vortaro de Esperanto* de E. Grosjean-Maupin kaj la *Plena Gramatiko de Esperanto* de Kalocsay kaj Waringhien.

Estas ja memkompreneble, ke la loko de tiuj ĉi verkoj ne estas la redakcia libroŝranko, sed la redakcia skribotablo por esti ĉe-mane, por esti studataj kaj konsultataj ĉiam, kiam oni ne estas certa, kiam oni dubas pri la korekteco ĉu vortara ĉu ortografia de la presotaĵo.

Jene farante la gazetistoj iĝos instruantoj de la legantoj kaj iliaj gazetoj alportados al la legantaro sur lingva kampo plenan profiton.

*I. Schoon*, Haarlem, Nederlando:

# Soneto

Dediĉita al Luis Hernández.

Mi kantas ne pri la patrin', nek patro,
Jam ne plu ili estas sur la ter'...
Nek nigras nun la virga prespaper'
Per kanto mia pri fratin', nek frato;

Premiĝas el la kor' l'iniciato
De l'panegiro pro animprefer'
Al rifuĝejo mia en sufer...
El ŝtal' gisita, inda laŭreato!

Plej bona el la bon' post multipliko!
Kuraca „kuraĝilo" sen kompar'!
Batadas nia kor' laŭ am-uniko...

Plej adorata hom' el la homar'!
Por kredemul' la Di'... por mi l'amiko
En malproksim'... De l'vivo la nektar'!

# Petrolo kaj bakterioj

Okazas revolucio en la industrio de petrolekstraktado. El esploroj faritaj en USSR kaj Usono pruviĝis, ke ekzistas mikroboj, kiuj en kontakto kun petrolozaj sabloj estas kapablaj eligi la krudan petrolon el ili kaj suprenigi ĝin ĝis la tersurfaco. Ni ne sufiĉe povas atentigi, kiom grava estas tiu eltrovo. La petrolŝaktoj estas relative maloftaj en la mondo, sed la petrolozaj sabloj, retenantaj la petrolon per absorbo, ekzistas en pli granda kvanto ol supozite. La nova metodo, uzanta mikrobojn, donus la rimedon ekstrakti eksterordinare grandajn petrolkvantojn el tiuj sabloj, ĝis nun neekspluatitaj.

La mikroboj, nomiĝantaj „Desulfovibrio Halohydrocarbonoclasticus" estis trovitaj en marŝlimo. Oni trovas ilin ankau ĉe marbordoj de Atlantiko kaj Pacifiko, same kiel en la ŝlimo de la Kaspia maro.

Oni ne sukcesis eltrovi, per kia ĝusta procedo ili eligas la petrolon el la sablo. Oni opinias nur, ke ili eligas ĥemian kunmetaĵon, kiu dissolvas la aktivan surfacon de la sablo kaj liberigas la petrolon tie troviĝantan.

La eltrovo estis samtempe farita de rusaj scienculoj kaj de amerikano, profesoro Zobell, dum la milito.

Kiam la mikrobkulturoj estas izolitaj el la marŝlimo, oni apartigas la specojn de mikroboj jam nomitaj, per organikaj produktaĵoj. Ili ekstermas la aliajn specojn, el kiuj kelkaj certe neniigus la petrolon per putriga procedo. La puraj kulturoj tiel izolitaj estas enigataj en ŝaktojn, kie ili tre rapide multiĝas.

La laboratoriaj eksperimentoj pruvis, ke ekde iu grado de multiĝo de la bakterioj la kruda petrolo ekaperas kaj amasiĝas ĉe la pritraktita tersurfaco. Industriaj eksperimentoj okazas nuntempe en la petrolkampoj de Bradford (Pensilvanio). Oni opinias, ke la industria aplikado de tiu procedo verŝajne du- aŭ triobligos la nunan kvanton de petrolo kaj kvindek- aŭ centoble la rezervojn. La bakteria metodo povas cetere taŭgi por ekspluatado de la petrolo-rezervoj. Ĝi devos esti farita estonte eĉ en la teritorioj, kie ĝis nun oni ne supozis ekziston de petrolo. La sabloj de Maroko, tiel ekspluatitaj, povus liveri sufiĉe da petrolo por kontentigi ĉiujn bezonojn de Francio, kie (kaj ankaŭ en Korsiko) povus estiĝi petrolekstrakta industrio.

La mikroboj estas tute sendanĝeraj por homoj, animaloj kaj plantoj.

(El la revuo „La nature“ tradukis *M. Cézar*).

# Ho, ĉielo!

(Popola kanto de Ĉinio)

Ho, ĉielo, vi tro aĝas,
Viaj aŭd- kaj vidkapabloj ĉiam pli aĉas.
Ecojn ne distingas viaj okuloj, oreloj.
Vivas krimuloj komforte,
Sed piuloj malsatadas, ho, ĝismorte.
Falu tuj, ho, senkapabla vi ĉielo!

El ĉina lingvo tradukis HONFAN

# Lingva angulo

Gvidas Ŝerc-Serĉulo.

Lingvaj demandoj, fabrikitaj laŭ „Plena vortaro de Esperanto“ sub literoj L, M, O, P, R, S; Ŝ; T; V.

L: 1. Ĉu *la vango* estas *lavango?*
2. Ĉu *toro ĉokolada por leki* estas *lektoro?*
3. Ĉu *ero de lito* estas *litero?*
4. Ĉu *grafo en lito* estas *litografo?*

M: 1. Ĉu *maga azeno* estas *magazeno?*
2. Ĉu *eta menuo* estas *menueto?*
3. Ĉu *nomo de metro* estas *metronomo?*
4. Ĉu *kato por musoj* estas *muskato?*

O: 1. Ĉu *ero de opo* estas *opero?*
2. Ĉu *ora kolo* estas *orakolo?*

P: 1. Ĉu *ago de papo* estas *papago?*
2. Ĉu *avo de papo* estas *papavo?*
3. Ĉu *ero de papo* estas *papero?*
4. Ĉu *selo de Petro* estas *petroselo?*

R: 1. Ĉu *radia kalo* estas *radikalo?*
2. Ĉu *maro de roso* estas *rosmaro?*

S: 1. Ĉu *eta sono* estas *soneto?*

Ŝ: 1. Ĉu *ingo por ŝilo* estas *ŝilingo?*

T: 1. Ĉu *tajla oro* estas *tajloro?*
2. Ĉu *mito tera* estas *termito?*
3. Ĉu *oro tera* estas *teroro?*
4. Ĉu *tria koto* estas *trikoto?*
5. Ĉu *ero de tubo* estas *tubero?*

V: 1. Ĉu *aro da veloj* estas *velaro?*
2. Ĉu *ero de vespo* estas *vespero?*
3. Ĉu *ero de veto* estas *vetero?*
4. Ĉu *aĝo de vojo* estas *vojaĝo?*

(Fino.)

# Parlamento kunstaranta

*Kutime la ĉefaj stratoj de la urbo portas nomojn de eminentaj personoj. La strato, kie mi loĝas, troviĝas en antaŭurbo kaj ĝia nomo estas: Muelilstrato. Sed mi intencas kolekti subskribojn kaj peti nian urbestraron, ke oni ŝanĝu la nomon je Parlamenta strato.*

*Kial? Ĉar en nia strato troviĝas „parlamento“. Ĝi havas nenion komunan kun la ŝtata parlamento, kiu kunsidas dum siaj kunvenoj. Nia „parlamento“ senescepte ĉiam kunstaras, kaj ne nur kelkajn minutojn, sed multajn horojn. Maliculoj rakontas, ke ĝi estas parlamento de klaĉemulinoj, sed mi diras, ke tio estas nur antaŭjuĝemo kontraŭ emancipado de entreprenemaj virinoj. Kiam en la ŝtata parlamento kunsidas ministroj kaj deputitoj, ne temas ja pri iu oferemo, sed kunstari preskaŭ la tutan tagon sur la strato, ĉu la suno brilas, ĉu pluvas aŭ frostas, jen senkompara ofero, kiun la virinoj metas sur la altaron de purgatorio.*

*Mi havas la honoron loĝi en la domo, ĉe kies barilo ĉiutage kunvenas la „kunstaranta parlamento“, kies kapo estas sinjorino Pelargonio. Oni diras, ke kelkaj homoj havas okulojn ankaŭ en nuko; se ĝi estas vero, tiam ĉi tiu esprimo 100%-e decas al s-rino Pelargonio. Ŝi havas nigrajn okulojn, kiuj traboras ĉiun preterpasanton kiel plej akraj sagoj. Ŝi estas mezalta, belstatura kaj ŝiaj tibioj pro ĉiutaga starado en „parlamento“ fariĝis fortaj kaj dikaj. Pro la sama kaŭzo ankaŭ ŝiaj piedplatoj estas larĝaj kiel ŝovelilo, kun longegaj piedfingroj; sed ĉu la piedoj estas iu eksportvaro aŭ ekspozicia materialo? Kiam ŝi parolas en mallumo, neniu pridubas, ke la voĉo apartenas al viro.*

*S-ino Pelargonio vidas kaj scias ĉion, kio okazas ne nur en nia antaŭurbo, sed ankaŭ en la urbo mem. La mastrinoj fermas pordojn kaj fenestrojn antaŭ ŝi, sed vane, s-rino vidas eĉ tra plej dikaj muroj. Ŝi scias, kiu s-rino aŭ f-ino aĉetis novan ĉemizon aŭ botojn, kiu el mastrinoj disrompis teleron kaj kion kaj kiel kuiras ĉiu s-rino en nia strato. Ĉiu fremdulo, kiu trairas nian straton, estas starigita antaŭ krucfajron de ŝiaj demandoj. Ĉu s-ro eble serĉas iun personon, ŝi ĉiun konas kaj povus lin tien konduki. Aŭ ĉu s-rino eble ne bezonas iajn informojn?*

*Ŝi verasence estas viktimo de sia „profesio“. Neniu komprenas, kiam ŝi hejme laboras. Oni diras, ke ŝia edzo estas homo maldiligenta, ĉar li la manĝaĵon kuiras nur ĉiun duan tagon.*

*La dua „parlamentanino“ estas sinjorino Krizantemo — altstatura,*

*blonda, pala, kun tre longa kolo, sed ĉu la kolo estas ia ornamaĵo? Precipe se homo bezonas vidi, kio okazas en la dua etaĝo ĉe familio Tremol, tiam almenaŭ s-rino Krizantemo ne devas stari sur piedfingroj. Ankaŭ buŝon ŝi havas grandan, sed kian valoron havas buŝeto — ĝi ne povas produkti tiom multe da vortoj kiel granda kaj krom tio ĝi rapide laciĝas. Kiam Krizantemo parolas, en nia antaŭurbo tremas fenestroj. Ni ĉiuj bedaŭras, ke ŝi ne estas kantistino.*

*La tria eminentulino estas sinjorino Ebergardino, malgranda, maldika kiel fadeno kaj nigra kiel korvo. Ŝiaj amikinoj diras, ke dum blovado de vento Ebergardino devas alpendigi al sia zono 20 kilogramajn pesilojn. Ŝi havas admirinde belan kaj simpatian voĉon — alloge melodian kiel katino en majo. Ŝi estas vigla, rapidema kiel motacelo. Ŝia kapo estas plata kaj malgranda kiel butono, okuloj mallarĝaj kiel de serpento, kiuj observas sian viktimon.*

*Ĉi tiuj tri ĉefaj personoj tenas firme en siaj manoj la direktilon de la kunstaranta parlamento, kaj formas tiel nomitan „supran parlamenton“; la naŭ aliaj koleginoj havas pli malĉefan rolon kaj funkcias en la „suba parlamento“.*

*

*Pluvas. Ĉiuj stratoj estas senhomaj, sed ĉe nia barilo la „kunstaranta parlamento“ pridiskutas la plej gravajn problemojn. Pelargonio ĵus eksciis pri morto de la maljuna s-ro Bumbuls kaj ke post tri tagoj edziniĝos filino de poŝtestro.*

*— Kompatinda Bumbuls, li tiel deziris ankoraŭ vivi! — malgaje ekĝemas Krizantemo.*

*— Bona homo li estis, sed lia edzino estas vera diablino. Fakte ŝi plirapidigis lian morton! — daŭrigas Ebergardino per siblanta voĉo. El apuda domo elvenas s-rino Bumbuls. — Venu, venu najbarino, ni ĵus parolis pri via granda malĝojo kaj doloro. Tiel bona s-rino kaj jam vidviniĝis! Mi rakontis al la koleginoj, kiel delikatan, bonkarakteran edzinon havis s-ro Bumbuls. Kiam estos la enterigo? — dolĉe pepas Ebergardino.*

*— Morgaŭ. Vi najbarinoj ja ankaŭ venos al tombejo — malgaje diras s-rino Bumbuls.*

*— Certe, ni partoprenos la enterigon, ĉar s-ro Bumbuls plene meritas tion — respondas Krizantemo.*



Junaj gesamideanoj el Košice,
kiuj partoprenis la ĉijaran III-an Slovakan Esperanto-Kongreson en Bratislava.

*— De nun vi nur spertos, kion signifas morto de tiel bona edzo, kiu helpis al vi ĉiupaŝe — daŭrigas Krizantemo.*

*— Mi ne diras, ke li estis malbona edzo, kvankam li ofte havis siajn kapricojn kaj precipe dum lia malsano mi multe suferis pro lia malpacienco. Kompreneble, la malsano estis doloriga kaj lasttempe kuracisto devis doni al li pli fortajn injekciojn — amare klarigas s-rino Bumbuls kaj forlasas la najbarinojn.*

*— Ĉu vi aŭdis, koleginoj? Mi ja tute pravas. Ŝi veraŝence mortigis sian edzon. Pli fortajn injekciojn donis la kuracisto — ni scias kiel oni tion faras! — elokventas Ebergardino.*

*— Sufiĉas jam pri tiu Bumbuls, raportu prefere Pelargonio pri la venonta edzo de poŝtestra filino — interrompas Ebergardinon Krizantemo.*

*— La fianĉo onidire estas inĝeniero, bela kaj riĉa homo. Mi nur ne komprenas, kion li trovis en tiu imagema Velto. Ŝi tute ne konvenas al li. Ŝi nek mastrumi scias. Sola filino, dorlotita de siaj gepatroj, ŝi nenion alian scias ol kolorigi siajn ungegojn. Foje mi observis ŝin tra barilo, kiel Velto en sia ĝardeno sarkis florbedon. Mi preskaŭ krevis*

*pro rido. Imagu nur, Velto staris kiel bovino en marĉo, alterne levante piedojn kaj ne povante trovi sub la piedoj firman fundamenton!...*

*La suba parlamento ridas kaj aplaŭdas sian spiritan, saĝan koleginon kaj vizaĝo de Pelargonio brilas pro fiereco. Alvenas malgranda knabo kaj diras al la radianta Pelargonio, ke ŝia filo Karlo disrompis en lernejo fenestron kaj ke la instruisto restigis Karlon en lernejo. S-rino Pelargonio pro ekscito paliĝas kaj krias: — Ĉu tiu homo estas instruisto? Krudulo, buĉisto li estas; mian fileton puni! Mia Karlo ja estas malsana knabeto, li tiel ofte svenas, eĉ la kuracisto diris al mi, ke la knabo ne estas kulpa pro sia karaktero, nur lia malsano devigas lin fari friponaĵojn. Ho, koleginoj, mi tuj kuros al la lernejo, sed ne disiru, mi baldaŭ revenos!*

*— Ansero idiota! — grumblas Krizantemo. — Ŝi ĉiam ŝajnigas sin tre grava kun sia aroganta bubaĉo, sed mi diras al vi, knabinoj, ke tiu Karlo estas enkorpigita diablo. Rigardu miajn infanojn, mi ilin severe edukas. Certe, de tempo al tempo ankaŭ ili petolante ion disrompas, ĉar ili ja estas nur infanoj, sed kompari ilin kun la freneza Karlo — ne, estas ja la sama diferenco kiel inter tago kaj nokto.*

*— Krizantemo, ĉu vere ni ne havas ion pli gravan por pridiskuti? Ni unue preparu morgaŭan programon — partoprenon al la enterigo. Ni bone observu s-rinon Bumbuls, ĉu ŝi multe ploros aŭ nur imitos larmojn kaj kian veston ŝi havos. Al mi rakontis amikino de mia kuzino, ke la funebran vestaĵon s-rino Bumbuls prunteprenis de sia parencino! — diras Ebergardino kaj iras renkonten al Pelargonio, kiu venas kun sia Karlo. Ambaŭ ili konkorde konstatas, ke Krizantemo estas kriaĉemulino abomena kaj ambaŭ iras en vendejon aĉeti alumetojn kaj akiri novajn informojn. Post kelkaj minutoj la tri gracioj denove kunstaras ĉe nia barilo kaj per laŭta rido allogas la „suban parlamenton". La pluvo ilin malsekigis, sed la langoj estas nelacigeblaj. La fervoraj debatoj cirkuligas ilian sangon, ili sentas nek pluvon nek malvarmon. Parlamento kunstaras kaj la diligenta koleginaro prilaboras laŭ ordo de domnumeroj ĉiun loĝanton kun liaj praŭloj kaj posteuloj. Jen alkuras filineto de Krizantemo kaj diras: „Panjo, unu sinjoro deziras kun vi paroli, mi diris al li, ke antaŭ du horoj vi foriris por kvin minutoj al najbarino —. Du fortaj vangofrapoj estis respondo de la patrino kaj ŝi kun la ploranta knabino trotas hejmen.*

*Pelargonio kun Ebergardino unuvoĉe konstatas, ke tiel malbone edukitajn infanojn ili ne havas.*

*La „suba parlamento“ disiras kaj kiam Ebergardino ekvidas sian edzon hejmenvenanta, la virinoj decidas fermi por hodiaŭ la kunvenon.*

*— Ĝis morgaŭ! — ekkrias Pelargonio.*

*— Ree ni unu tagon pasigis utile kaj bele, — respondas Ebergardino kaj kiel talpoj en kavernojn malaperas unu post la alia la emancipemaj energiaj virinoj por ĉerpi novan agadforton.* *M. J.*

# ESPERANTO EN ĈEĤOSLOVAKA RADIO

*Ĉu vi jam aŭdis pri la Agrikultura kooperativo de esperantistoj?* Aŭskultu radiostacion Bratislava sur meza ondo 298.8 (1004 kc.), la 7an de oktobro, ekde la 16.30 ĝis la 16.40 (po 5 min. slovak- kaj esperantlingve). Prelegos s-ano Imro Havaš, II. sekretario de Slovaka Esperanto Societo. Atentigu viajn eksterlandajn korespondantojn kaj skribu kuraĝigan dankleteron al Radio Bratislava, Zochova 3.

„Verda stacio“ plilongigis la tempon de siaj elsendoj.

Ekde la 5-an de oktobro 1949 komencos „Verda stacio“ regule elsendi ĉiam la unuan merkredon de la monato 45-minutan artan programon sur ondoj: Praha II 269 m, Morava (Brno) 325 m, Ostrava 259 m, České Budějovice 219 m, je la 23-a horo 15 minutoj.

Karaj gesamideanoj! Ni scias pri viaj plendoj pro malfrua horo de nia elsendado. Sed pripensu serioze: „Verda stacio“ estas unusola esperantista stacio kun longaj kaj artaj programoj; ĉu ĝi ne meritas vian oferon de unu duonnokto monate? „Verda stacio“ klopodos rekompenci vin per interesa programo.

Ni insiste petas: Skribu al ni, kunlaboru kun ni! Subtenu nian poresperantan laboron! „Verda stacio“ estas via, pure esperantista nur kun arta kaj kultura programo.

Atentu! La 5-an de oktobro ni elsendos reprizon de la opero „En la puto“ de Vilém Blodek, en Esperanta traduko de dro Tomáš Pumpr kaj dro Jozef Fousek. La unua ĝia elsendo vekis grandan eĥon ankaŭ ĉe neesperantistoj. Ni petas, aŭskultu kaj multnombre skribu! Atentigu pri tiu ĉi grava elsendo viajn geamikojn!

Verŝajne ni eldonos ciklostilan gazeton, kiun ricevos niaj aŭskultantoj. Ne postulu individuan respondon! De tempo al tempo ni respondos al vi en niaj horetoj kun aŭskultantoj.

Viajn leterojn kaj poŝtkartojn adresu: „Verda stacio“, Praha XII, Stalinova 12.

---

NI ZORGAS, KE VI RICEVADU NIAN REVUON —
ĈU VI JAM ZORGIS, KE NI RICEVU VIAN ABONPAGON?

# NIA ENKETO

En la 6-a n-ro ĉijara ni aperigis du leterojn pri la uzo de nomoj Ĉeĥo-Ceĥio aŭ Bohemo-Bohemio. Ĉar interesas ankaŭ niajn eksterlandajn legantojn, kiu esprimo estas la ĝusta, ni daŭrigas la debaton.

S-ano Erhard Urban el Praha skribas:

„J. K. el Brno estas absolute prava kaj sekve mi plene konsentas kun li. Mi, por mia persono, devas al vi konfesi, ke kiam mi la unuan fojon legis en Esperantisto Slovaka la terminon Ĉeĥio, mi estis ekstreme ŝokita. Se ĝin estus publikiginta ia naziista redaktoro, ĝi ne estus min eĉ iomete surprizinta, ĉar de ili ni Ĉeĥoj povis ja atendi nenion bonan. La terminoj: Bohemio, Moravio kaj Silezio (Ĉeĥaj landoj) estas jam delonge universale konataj kaj sekve ankaŭ aplikataj. Vidu ekzemple Madjarion: la landon loĝas nur ĝia aŭtoĥtona loĝantaro madjara kaj ili spite tion uzas en siaj, por la eksterlando destinitaj presaĵoj, ekskluzive la terminon Hungario. Bonegaj diplomatoj ili estas. Bohemio, Moravio, Silezio estas por mi tabuo!“

Kontraŭe s-ano „-u-“ el Brno skribas:

„Samideanon J. K. mi ne konas, sed li ŝajnas al mi tre (aŭ pli bone dirite: tro) maljuna, ĉar 1) kvankam mia lasta studatesto estas jam 35-jara, tamen mi ankoraŭ hodiaŭ tre bone memoras, ke mia profesoro de historio — Hubert Doležil — kritikis la germanan terminon „Böhmen“ kiel anakronismo, ĉar 2) laŭdevene ĝi estas latina „Boihaemum (-i, -n) kaj signifis en historio (!) hejmon de iamaj loĝantoj, nome „de Boiorum“. Kaj bojoj estis, kiel ni scias, keltoj! Tial la nomo fariĝis nura historia nocio, dume *geografie* ĝi neniel plu estas konforma kun la hodiaŭa stato. 3) Nur dank al germanaj vortoj „Böhme (n)“ kaj francaj „bohème“, „bohèmien“, (kiuj laŭ iliaj vortaroj havas ankaŭ ne tre delikatajn kromsencojn, nome: cigano, malriĉa artisto mizere vivanta „de mano al buŝo“) la terminoj ĝisvivis hodiaŭon kaj kiel fantomoj ankoraŭ maltrankviligas. Ĉu havas sencon defendi kaj nur por eksterlandanoj konservi ion, kion por ni mem estas tute sensignifa? Vi estas pravaj kaj ne rigardu plu returnen! Pro diritaj kaŭzoj kaj argumentoj la menciitaj terminoj iom post iom malaperu kiel nerevene estas forgesita la iama (ankoraŭ dum mia juneco uzata) diferenciga nomo „Ĉeĥo el reĝolando“, kiu hodiaŭ estas pli ol ridinda. De tiu ĉi vidpunkto „Bohemo“ kaj „Bohemio“ estas eĉ pli kuriozaj.“



Pruntedonis ,,Krásy Slovenska"

Junulo el vilaĝo Očová (centra Slovakio).

*Janko Jesenský:*

# *Kisu min...*

*Kisu min kaj premu manon —*
*ĝi ĝojigas, kara mia.*
*Sed ne ploru —, mian amon*
*ne estingu larmo via.*

*Miaj larmoj roso estas*
*troviĝanta sur la floroj,*
*kiuj el la amo kreskas*
*en du niaj varmaj koroj.*

El la slovaka tradukis EVT.

# Slovakaj proverboj

(Daŭrigo.)

*Pri pureco. (O čistote.)*

1. Sin mem tiu batas, kiu malpurecon ŝatas.
(Sám seba bije, kto v nečistote žije.)
2. Vane vi diablon blankigas, blanka li neniam fariĝas.
(Darmo čerta vyzváraš, biely nikdy nebude.)

*Pri sobreco. (O striedmosti.)*

1. Kie la sobrec' forrestas, tie la malsanoj nestas.
(Kam striedmosť nechodí, tam lekár chodí.)
2. Dolĉaĵ' en kvant' malavara ofte fariĝas amara.
(Sladkosti neužívaj až do horkosti.)
3. Por stomako la malforta, la sobreco sanonporta.
(Slabému žalúdku je striedmosť lekárom.)

*Pri malsano. (O chorobe.)*

1. Sanktiĝi volis diablo malsana, sed saniĝinte restis li la sama.
(Čert ochorel, chcel byť svätým, keď ozdravel, bol čo predtým.)
2. Helpe de Dio — privenkebla ĉio.
(Komu Pán Boh pomáha, ten všetko premáha.)
3. Kiu al mort' dediĉita estas, eĉ per tuta apoteko nesavebla restas.
(Proti smrti nieto lieku, môžeš zjesť aj apatieku.)
4. Sur cent lokoj povas esti korpo atakita,
sed nur ŝvite, tra buŝ', postaĵ', malsan' forpelita.
(Choroba má sto ciest do tela a len tri z tela: predkom, zadkom, potením.)
5. Bonkonduti volis diablo malsana, sed pli malboniĝis fariĝinte sana.
(Keď bol čert chorý, sľuboval, že sa polepší; a keď vyzdravel, bol ešte horší ako predtým.)
6. Forpelas la nazkataro eĉ naŭ malsanojn en aro.
(Nádcha deväť chorôb zaháňa.)
7. La kuracad' malfruiĝis, se mort' jam alproksimiĝis.
(Neskoro si lieky strojí, komu smrť už nad hlavou stojí.)

# EL ESPERANTUJO

*Klubaj kunvenoj* okazadas en Bratislava ĉiumerkrede je la 20a en la blua salono de YMCA, Malinovský str.; en Trenčín ĉiumerkrede je la 19a en la konstruaĵo de kinejo Hviezda; en Turč. Sv. Martin ĉiumarde je la 17-a en la Ruĝa Kruco. Kuzmány str. 29. (17—18 kursoj por progresintoj, 18—20 h. bunta programo). Nové Mesto n./V., ĉiuvendrede je la 19a h. en la „Ĉasista ĉambro" (Slovakotour) de hotelo „Kollár".

## Kursoj.

*Prešov.* Laŭ decido de la tiea entreprena fervojkomitato nia kunlaboranto Andreo Beisetzer gvidas kurson por fervojistoj. Por konduktoroj de personkaj rapidvagonaroj ĝi estas deviga.

*Nové Zámky.* S-ano Ivan Fiala daŭrigas sian kurson por komencantoj, en kadro de lerneja interes-rondeto.

*Košice.* S-ano A. D. Kremer gvidas novan kurson por komencantoj kun enskribitaj 45 partoprenantoj. Aranĝanto estas la kultura sekcio de poŝtoficistoj.

*Regiono Altaj Tatroj.* S-ano Karlo Ŝolc, fondinto de Somera Esperantolernejo en Doksy, gvidas kursojn en Kežmarok (krom la kursoj en gimmazio, meza lernejo kaj kurso publika tute memstaran por geinstruistoj de Kežmarok kaj ĉirkaŭaĵo — inter ili troviĝas ankaŭ la distrikta kleriga inspektoro).

*Somera Esperanto-lernejo en Slovakio.* D-ro E. Sahliger, gvidanto de nia verda subtatra regiono, en kunlaboro kun s-ano Karlo Ŝolc el Praha, faras preparojn por efektivigo de slovaka filio de Esperanta somera lernejo de Doksy (ĉe Mácha lago en Bohemujo). Ĝia celo estas eduki kapablajn instruistojn en Slovakio kaj perfektigi la aliajn. La lernejo — verŝajne en Svit — vekas jam nun grandan intereson inter la slovaka esperantistaro kaj estos por ĝi grava instigilo kaj helpilo.

## Esperanta rubriko en revuo „Nedeľa"

Slovaklingva semajna ilustrita revuo „Nedeľa" (= dimanĉo) regule enhavas duonpaĝan poresperantan rubrikon „Samideano". Krom slovaklingvaj informoj pri esperantaj okazintaĵoj la rubriko alportas ankaŭ Esperantajn artikolojn, adresojn por korespondado ks. Eldonantoj de la Esp. gazetoj estas petataj sendadi interŝanĝe siajn eldonaĵojn por la revuo „Nedeľa". Adreso: Ján Lamačka, Trenčín, Pod Sokolicami 1675, Ĉeĥoslovakujo. (eis)

Se la eldonejo ricevos nombrajn aprobajn leterojn (kartojn), la rubriko estos pliampleksigita. Tial ĉiu nepre senprokraste skribu je la supra adreso (slovaklingve).

*Red.*

## Esperanta informa servo fondita en Slovakujo

En Slovakujo estis fondita „Esperanta informa servo" (eis), kun celo peradi informojn kaj sciigojn pri okazintaĵoj en tutmonda Esperanta movado kaj zorgi pri enpreso de ĉi tiuj en slovaka gazetaro. La gesamideanoj en unuopaj landoj, redakcioj kaj redaktoroj-esperantistoj, kiuj estas pretaj al kunlaboro kaj sendos al ni taŭgajn informojn, ricevos interŝanĝe nian informilon pri Esperantaj sociaj, kulturaj ks. okazintaĵoj nialandaj. Adreso: Esperanta informa servo, Trenčín, Pod Sokolicami no 1675, Ĉeĥoslovakujo.

## Esperanta prospekto pri Bratislava

Okaze de la 3-a Slovaka Esperanto-Kongreso aperis esperantlingva faldprospekto pri slovaka ĉefurbo Bratislava. La prospekto estas bele ilustrita kaj senpage sendata al ĉiu, kiu skribe petos ĝin. Adreso de la eldonanto: Slovakotour, oficejo por vojaĝtrafiko, Bratislava, Ĉeĥoslovakujo. (eis)

## Diversaĵoj.

Prof-ino Jeanne Dedieu, 3. Rue Arzac, TOULOUSE, Francujo, salutas — en nomo de Grupo de esperantistaj edukistoj — la slovakan esperantistaron, kun alvoko al la geinstruistoj, ke ili instruu Esperanton al la infanoj kaj gejunuloj de sia lernejo kaj ke ili baldaŭ starigu fakan sekcion de slovakaj esperantistaj edukistoj en SES.

*Aŭstralia Esperanto Konferenco* okazos denove post pli ol 20 jaroj, la 3-7an de januaro 1950 en Melburno, ĉefurbo de ŝtato Viktorio. En ĝia kadro okazos ĝenerala kunveno de Aŭstralia Esperanto Asocio, fakkunsidoj de UEA kaj SAT, prelegoj kaj granda ekspozicio por neesperantista publiko.

Tutmonda konkurso! La tutmonda eperantistaro estas invitata alsendi esp-aĵojn por Aŭstralia kontinenta ekspozicio (salutleteroj, il. pk., rimsalutoj, interesaĵoj, turismaj aŭ aliaj reklamoj). La „Konferenca komitato“ premios la plej interesan, belan aŭ kuriozan alsendaĵon per ekzemplero de „Leteroj de Zamenhof“. Pro la granda distanco ni petas tujan alsendon, ĉar ordinara letero bezonas 2 monatojn por atingi Aŭstralion kaj la ekspozicio okazos komence de januaro de 1950. La nomo de la gajnonto estos publikigota en la Esperanto- gazetaro. — Herbert Koppel, konferenca sekretario, Aŭstralia Esperanto Konferenco, Post Box 2122 T, Elizabeth Street, MELBOURNE, Aŭstralio.

*Internacia kurso per Esperanto.*

En Popola alternejo de sveda urbeto Viskadalen daŭris ekde 27-a de junio ĝis 11-a de julio ĉi-jara *Internacia kurso* pri svedaj sociaj strukturo kaj politiko, kiun partoprenis 23 personoj, el kiuj 15 estis eksterlandanoj el 7 landoj.

La kurson organizis Sveda Kleriga Asocio Laborista kun subteno de la sveda ŝtato. Al la partoprenantoj estis certigita dusemajna senpaga restado en Svedujo. Ili rekrutiĝis el redaktoroj de la Esperanta gazetaro kaj ĉiulandaj gvidantoj esperantistaj. Bedaŭrinde multaj el la invititoj, certe pro kialoj ekster ili kuŝantaj, ne povis partopreni la unikan kurson.

Por dokumenti la diversflankecon de la prelegaro ni indikas la temon de kelkaj prelegoj: La regado de la popolo per la popolo. Instruado kaj edukado. Koopera movado. Popolaj parkoj kaj kunvenejoj. Organizoj de la popola merkato. Ĝeneralaj sociaj prizorgoj. Sveda gazetaro. Prizorgo de kulturaj memoraĵoj. Svedaj arto, literaturo kaj muziko, ktp.

La lastajn tri tagojn oni pasigis per ekskursado al Borås, Sjöbe kaj Stockholm, kie en Skansen (natureca muzeo) per festeno la kurso estis finita.

Venontjare (krom versimile en Svedujo) simila kurso okazos en Danujo.

Nur estas dezirinde, ke la kursojn partoprenu ĉiuj invititoj kaj ke la sveda eksperimento trovu multajn imitantojn.

(Laŭ Svenska Esperanto-Tidningen, ĉijara 8-a n-ro).




Dum la lasta UEK en Bournemouth, nia belga reprezentanto, s-ano Tousseijn Camille (maldekstre sur la fotografaĵo), faris bonan propagandon por nia revuo, pretiginte grandan afiŝon, kiun li pendigis en la kongresejo. Surŝipe li aranĝis specialan kunvenon kun preskaŭ 200 partoprenintoj el 22 landoj. Li ankaŭ disdonis multajn propagandajn broŝurojn. Ĉi tiu neatendita iniciativo kaj samideana interhelpo de nia kunlaboranto nin tre agrable surprizis. Elkoran dankon por ĉio!

Kiel ni sciiĝis, s-ano Tousseijn Camille intencas venontjare viziti Ĉeĥoslovakion. Ni esperas, ke ĉiuj nialandaj samideanoj lin elkore bonvenigos.

(Apud s-ano Tousseijn staras la ĉina C. C. Yeh, dekstre sur la fotografaĵo la itala pastro Carolfi.)

---

*Japanaj sciencistoj kaj Esperanto.*

Sciencistoj kaj teknikistoj en Japanujo klopodas enkonduki Esperanton en sian fakon. En jenaj fakaj libroj la aŭtoroj donas tradukon de terminoj en la lingvoj angla, germana kaj Esperanta.

Prof. K. Inoue: Enkonduko en biologion (1947, lernolibro por kolegiaj studentoj).

Inĝ. K. Ossaka: Tekniko de vagonkonstruo, Analitiko kaj praktiko. (Vol. 1. 1948, teknologia verko por specialistoj).

Prof. M. Suzuki: Enkonduko en fiziologion (1949, lernolibro por kolegiaj studentoj).

En „The Bulletin of the Chemical Society of Japan“ (bulteno de Japana Kemia Societo en fremdaj lingvoj, Dec. 1948) aperis traktato de s-ro Jukio Ôta en Esp. „Malhelpa Afiniteco de Benzedrino-Derivaĵoj al Amino-oksidazo“.

Ĉu vi volas akiri Esperantajn librojn pri Polujo? La 60-paĝa il. broŝuro „Nuntempa Pollando“, kiu estis tre varme akceptita de la tutmonda esperantistaro, estas ricevebla kontraŭ unu respondkupono de la Asocio de esperantistoj en Pollando, WARSZAWA, Marszalkowska 81/32. Samtempe, ĉiuj personoj, kiuj jam ricevis la broŝuron, estas petataj konfirmi la ricevon. Al ĉiuj, kiuj konfirmis la ricevon de la broŝuro „Nuntempa Pollando“, la menciita asocio sendos la novan broŝuron pri Mickiewicz, Słowacki kaj Chopin, kiu estas preparata.

SCANDINAVIAN AIRLINES SYSTEM (Skandinava Aerlinia Sistemo) estas entrepreno, kies fundamenta principo similas al tiu de la esperantistoj. La esperantistoj klopodas per komuna lingvo montri al la nacioj de la mondo, ke kunlaboro estas ebla, kaj ke ĝian evoluon malhelpas fakte nur malmultaj veraj baroj, el kiuj la lingva diverseco estu menciata inter la plej gravaj. Estas kredeble, ke SAS per sia kunlaboro inter tri nacioj pri komuna celo havos signifon, kiu dum la tempo povos akirigi rezultojn pli vastajn ol la origina: krei la kiel eble plej racian skandinavan aertrafikon.

La Skandinava Aerlinia Sistemo komencis uzi Esperanton en sia propagando kaj en sia servado al siaj pasaĝeroj. Ekzemplo pri tio estas la broŝuro, presita en Danlando, unu el la plej belaj tiaspecaj eldonaĵoj. Esperantistoj, kiuj deziras havi ĝin aŭ disdoni ĝin inter klubanoj kaj kursanoj, povas peti la bezonatan nombron ĉe Skandinava Aerlinia Sistemo, Reklama Oficejo, Store Kongensgade 29, Kopenhago K, Danlando.

*Ĉeĥoslovakaj poŝtmarkoj por kolektantoj* povas esti mendataj ĉe Poŝtoficejo Praha 1 — Filatelista servo. Ekspedo okazas per registrita letero senprokraste post alveno de la sumo kun afranko por registrita letero al eksterl. ĝis 20 gramoj Kčs 13.—, por ĉiuj pluaj 20 g aldono de Kčs 3.— Abono de noveldonataj poŝtmarkoj (post depono de sufiĉe granda mongarantio) certigas regulan liveron de la mendita kvanto en la tago de la eldono. La pago povas okazi per poŝtmandato, ĝiro aŭ al la poŝtĉekkonto 42,900-1 de la Poŝtoficejo Praha-1, Filatelista servo, aŭ per transpago al iu banko en ČSR. Petu prospekton!

---

S-ano Ján Šafránek el Košice kaj Edita Šeligová el Vranov anoncas sian geedziĝon. Koran gratulon!

Štefano Seeman, nia redakcia kunlaboranto estis devigita gardi la liton en malsanulejo dum ses semajnoj kun rompita piedo. Tamen li ne perdis kuraĝon kaj laboremon, ĉar dum tiu tempo li esperantigis du slovakajn tutvesperajn teatraĵojn. Jen vere admirinda poresperanta sindonemo kaj heroeca persistemo, pro kiu la resaniĝanto akceptu nian plej sinceran dankon!

---

Slovenské učebnice Esperanta „Okienko“ a „Esperanto v 14 úlohách“ sú vypredané a nemôžeme ich dodať. Na sklade máme nateraz len slovník esp.-slov. a slov.-esp., korešp. materiál a umelecké karty majstra Benku.

„Slovakotour“ v Trenčíne vydal novú, obsiahlu učebnicu Esperanta od J. V. Dolinského. Záujemci nech si ju objednajú priamo na adr. „Slovakotour“ Trenčín.

„ESPERANTOLOGIU“, ved. a lingvist. časopis o esperante dodá Slov. esp. ústav v Turč. Sv. Martine. Predplatné Kčs 300.—, 1 číslo (80 str.) už vyšlo.

# Eksterlandanoj pri nia gazeto

Ni ricevis jenan leteron, kiun — kvankam nia gazeto estas ankoraŭ tre modesta — ni ne povas ne aperigi kiel rekompencon por nia malfacila laboro.

„Karaj slovakaj samideanoj! Pli da honoro ol honoraĵoj!... Mi komprenis vin, legante la artikolon: Parolas SEI, ĉar mi renkontas la samajn malfacilaĵojn en mia peradlaboro por Skolta Mondo. Do, kvankam mi ne estas riĉa, mi anoncas al vi ke antaŭ skribi tiun ĉi leteron mi sendis jarabonon al via franca peranto. Leganto de la unua numero, mi ĉiam plu malpacience atendas ES kaj legas ĝin kun plezuro malfacile esprimebla. Vi povas fieri pri ES. Ĝi estas la sola de mi konata revuo nacia kaj pornacia, kiu tiel bonege plenumas sian rolon. Ekkonante la Slovakion tra via revuo, mi pli kaj pli amas ĝin kaj mia dezirego ĝin viziti sendube fine venkos la malfacilaĵojn de la longa vojaĝo. Kio pleje interesas min? Ĉio, kio rilatas al la vivo de la nacio: artikoloj en formo de informigo pri urboj, uzinoj, artoj, kutimaro, folkloro slovakaj. Kio estas dezirota? Bildoj kaj fotoj. Pli kaj pli da poemoj naciaj en bonaj esperantaj tradukoj. Mi ĉiam havas plezuregon relegante la heroan legendan poemon pri „Hájnika turo" kaj „La batalo de Rozhanovce". Mi havas nur unu ĉagrenon: ne posedi similan francan gazeton sendeblan interŝanĝe kontraŭ S. E. Daŭrigu vian laboron, samideanoj, kaj firme kredu, ke la tuta esperantistaro ŝuldas multon al vi, multe pli ol estas esprimebla per mona valoro. Persone mi faros mian eblon por sendi al vi unu aŭ du artikolojn kun espero kompensi mian personan ŝuldon"

Sincere via *B. Tixier*, SEL reprezentanto.

*

Karaj samideanoj... *Esperantisto Slovaka* interesas nin multe. Ĝi estas tre bela kaj bona ĵurnalo kaj ni elmetis ĝin en nia ekspozicio dum la Granda Angers'a Foiro. Ni multe dankas vin, vi grande helpas nian movadon... F-ino *J. Nouais,* Angers, Francujo.

*

Danke mi ricevis vian lastan gazeton, kiu tre plezurigis min. La enhavo ĉiam estas interesa. — *Georg Hechler,* Gross-Zimmern, Hessen, Germanujo.

*

ESPERANTISTO SLOVAKA. Ĉi tiu ĉiumonata gazeto estas unu el pli interesaj kaj bonstilaj naciaj periodaĵoj kaj ni povas rekomendi ĝin al ĉiuj ... (Bulteno de la Esperanta Unio de Liberaj Religianoj, N-o 7, 1948.)

*

Multan dankon por la alsendo de via tre interesa gazeto. Bone redaktata kaj bone presata. Mi gratulas. — *H. K. Güpfert,* Bern, Svisujo.

*

Mi regule ricevadas vian gazeton, kiu tre plaĉas al mi ... *Davorin Bažec,* Ljubljana, Jugoslavio.

*

# PAROLAS SEI

Dum somero sur nia skribotablo amasiĝis tiom da artikoloj, prikongresaj kaj aliaj raportoj, sciigoj kaj interesaj leteroj, ke ni povos ilin aperigi nur sinsekve en nia gazeto Esperantisto Slovaka, ĉar atendas ankaŭ malnova materialo kompostita. Ni petas la aŭtorojn kaj ankaŭ nian legantaron pri afabla pacienco, ĉar estas eble nek ĉion ĝustatempe envicigi, nek unuope prirespondi leterojn resp. demandojn de ĝenerala signifo. Nek la recenzon pri „Esperanto 60-jara“ ni povis ĝis nun envicigi, kvankam ni jam vere hontas pro tio.

Kun bedaŭro ni devas konstati, ke multaj niaj „abonantoj“ tute neglektas niajn petojn, alvokojn kaj eĉ admonojn kaj ĝis hodiaŭ ne pagis sian abonon por la nuna jarkolekto. Tial ni insiste petas, bonvolu kontroli, ĉu vi jam plenumis vian samideanan devon. Ĉiu, kiu ne pagas, subfosas la ekziston de nia gazeto, kiun ni ŝatus vidi pligrandigita ekde la nova jaro. Do ne prokrastu plu la alsendon de via abonpago, ĉar nur finance bone bazita gazeto povos kontentigi la intereson de en- kaj eksterlanda samideanaro por regula kunlaborado.

Al multaj demandantoj, kiuj vere malsatas je esperantlingvaj gazetoj kaj libroj ni konsilas: abonu al via eksterlanda korespondanto nian gazeton Esperantisto Slovaka kaj petu de li alsendon de sialanda gazeto aŭ eldonaĵo. Monon transpagi ni ne povas. Uzu la servon de niaj perantoj!

Alvoko al amasa aboninterŝanĝo!

Ĉar ekzistas egaj malfacilaĵoj ĉe abonado de fremdlandaj gazetoj, ni petas ĉiujn fremdlandajn samideanojn, kiuj volus kaj povus aboni nian gazeton, ke ili pagu la abonkotizon por sialanda Esperanta gazeto al nia tiea reprezentanto (aŭ se ne troviĝas tia, do al la koncerna redakcio). Niaj legantoj, kiuj ŝatus ricevi eksterlandajn gazetojn, pagos la abonprezon de nia gazeto por la koncerna eksterlanda samideano, kies adreson bonvolu al ni sciigi. Tiamaniere ĉiuj ricevos fremdlandajn gazetojn, resp. Esperantiston Slovakan sen neceso pagi eksterlanden per respondkuponoj, kiuj estas multekostaj.

CERBUMU!

Magia triangulo:

| | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 |
| 2 | | | | | | |
| 3 | | | | | | |
| 4 | | | | | | |
| 5 | | | | | | |
| 6 | | | | | | |
| 7 | | | | | | |

Horizontale kaj vertikale:

1. Bruligilo. 2. Per „morta“ „lingvo“. 3. Doni profiton. 4. Nombra substantivo. 5. Esti ene. 6. Alivorte (mallongigo). 7. Vokalo.

Ensendis: F. Winkel, Rotterdam, Nederlando.

## ANONCETOJ

(Por eksterlandanoj senpage, por enlandanoj kontraŭ alsendo de Kčs 20.— en pm. Apartaj adresoj ne povas esti liverataj).

Mallongigoj: dez. — deziras; kor. — korespondi; iŝ. — interŝanĝi, -as; pm. — poŝtmarkoj(n), pk. — poŝtkartojn; il. pk. ilustritajn pk, ĉ. l. — ĉiuj landoj, ĉ. t. — ĉiuj temoj, t. m. — tuta mondo; esp-aĵoj(n) — esperantaĵoj(n); esp-isto-esperantisto. ktp. — kaj tiel plu; k. s. — kaj simile; rk. — respondkupono internacia; g — gazeto.

S-ano Štefan Michalka, instruisto, SAČUROV, ČSR-Slovakio — dez. kor. pri ĉ. t. kun t. m. kaj iŝ. il. p. k. Certe respondos!

S-ro Gustáv Rumánek, peltisto, NOVÉ MESTO n/V., ČSR-Slovakio, dez. kor. kun t. m. Certe respondos!

ABC — klubo de korespondemuloj kaj kolektantoj ebligos al vi amikan aŭ komercan korespondadon, interŝanĝadon de poŝtkartoj, **poŝtmarkoj, moneroj**, libroj, gazetoj aŭ diversaj kuriozaĵoj kun la tuta mondo. Kluba organo estas la ABC — Monda adresaro. Tutjara abono: 50.— Kčs. Petu prospekton de: Prof. Petro Zévl, Kralovice u Plzně, ČSR.

S-ano Ján Burda-Mráz, DLHÉ NAD CIROCHOU 743. ČSR-Slovakio, dez. kor. kaj iŝ. belajn bildkartojn kun t. m.

S-roj Jozef Borýsek kaj Miro Ďuroška, ROŽŇAVA — ÚBD, Šafárikova 67, ČSR-Slovakio, dez kor. kun gesamideanoj el t. m.

S-ro Peter Pružinec, stud., NOVÁKY 224, ČSR, Slovakio, sendas kontraŭ 50—100 pm. kaj 1 il. pk. de via lando saman kvanton de ĉsl. pm. kaj il. pk. Tuj kaj ĉiam respondos.

Vlad. Novotný, 22-j. oficisto, Č. BUDĚJOVICE, Mánesova 1252, ČSR, dez. kor. kaj iŝ. pm., pk., esp-aĵojn k. s. kun t. m. ankaŭ kun Slovakio. Certa respondo!

S-ano Pavil Burdátš, 16-ja. stud. de kom. akad. BANSKÁ ŠTIAVNICA, Farská 11, ČSR, Slovakio, dez. iŝ. il. pk. kun t. m. Certe respondos!

Ján Kunc, T. SV. MARTIN-Jahodníky, ČSR, dez. kor. kun angla lernant-(in)o de komerca akademio por pliperfektiĝi ankaŭ en la angla.

S-ano J. Zdráhal, 16-ja., ŠELEŠOVICE 87, ĉe Kroměříž, ČSR, dez. kor. pri sporto, politiko kaj div. tem.; iŝ. pm., il. pk. kun esp-ist(in)oj de t. m. Respondo garantiata.

S-ano J. Svojše, NOVÝ SMOKOVEC, Sanat. ÚSP, ČSR-Slovakio, 30-ja., dez. kor. kun t. m. pri ĉ. t. pro agrabligo de malsano. Respondo garantiata!

S-ano Július Hlavatý, 24-ja. teknika oficisto, BRATISLAVA, Ul. Februárového víťazstva 15, u p. Faturíka, ČSR, dez kor kun t. m. pri div. tem., precipe pri maŝinoj kaj teknikaj novaĵoj. Iŝ. il. pk. Ĉiam certe respondos!

S-ano M. Guillaume, 32 Rue Fr. Ferrer, MOHON-Ardennes, Francujo, salutas la junan ĉeĥoslovakan popoldemokration kaj precipe la esperantistojn slovakajn!

Jean Louis Boyer FOUROUX LARODDE, Guy-de-Dorne, Francujo, dez. kor.

Ĉiuj bonvolaj gesamideanoj estas petataj kunhelpi ĉe diskonigo de novspeca, senprofite disvastigota korespondsistemo, kies celo estas: enkonduki la tutmondan uzadon de nia helplingvo! Adreso: Interservo por Esperanto, 24 Faubg. de Riedisheim, MULHOUSE, Francujo.

Walther Gieseler, bei Winkelmann, BERLIN-WEISSENSEE, Berliner Alee 51 (Turisma servo esperantista de Berlin) dez. kor. pri biologio, naturprotektado, turismo k. s.

Kvindek 13—15 jaraj E-gelernantoj de popollernejo KÖLN-MERHEIM, Volksschule, Ostmerheimer Str., Germanio, Brita zono, dez. kor.

S-ino Siklósiné Leszkó Margit, PÉCS-MECSEKSZABOLCS, Arany János u. 13., Hungarujo, serĉas gekorespondantojn por siaj 3 kursanoj 10—13 jaraj.

Eŭrop- kaj mond-federalistoj homaramaj instruist-in-oj ĉiulernejgradaj kaj ĉiulandaj bonvolu urĝe interrilati kun „Lernejo por civilizeco“ (S-ro C. Cerri, MLC-C. P. 89, VARESE, Italujo). Afranku filatele; helpu, se eble, per rpk.

J. de Vries, Spoorstraat 12, ARNEMUIDEN. Walcheren, Nederlando, dez. kor.

Redakcio de „Companeros“, Calle Canelones 1122, MONTEVIDEO, Urugvajo, Južná Amerika, Suda Ameriko, peras korespondadon de infanlernantoj kun la tuta mondo.

Johano Javernik, VOITSBERG-Postf. 2, Steiermark, Aŭstrio, okaze de la aŭstria Esperanto-Kongreso en Graz sendas sinceraj salutojn al ĉiuj ĉeĥaj gesamideanoj (pere de Esperantisto Slovaka).

F. S. Almada, SANTOS, Caixa Postal 785, Brazilo, Južná Amerika — Suda Ameriko, peras korespondadon inter siaj gekursanoj kaj ČSR.

Se vi deziras korespondi kun danoj, skribu al Korespondoficejo c/o R. Lönblad, KULLERUP, Lamdrup, Danujo.

S-ano M. Haataja, 21-ja. stud., dez. kor. kaj iŝ. p. m. KERAVA, Väinöläntie 4, Finnlando.

---

**ESPERANTISTO SLOVAKA,** časopis Slov. esperantského ústavu. Vychádza mesačne. Zakladateľ Arnošt Váňa. — Red. a admin.: Turč. Sv. Martin, Kuzmányho 29. Redigujú: E. V. Tvarožek a zodp. zást. Dr. Ľud. Izák. — Predplatné na rok Kčs 70.—, do cudziny Kčs 80.—. — Účet Poštovej sporiteľne S-9615, Slovenský esperantský ústav, Turč. Sv. Martin. — Novin. výpl. pov. Riaditeľstvo pôšt pod č. 22.857-I.-1948. — Dozorný a podací pošt. úrad Turč. Sv. Martin.

**ESPERANTISTO SLOVAKA,** organo de Slovaka Esperanto-Instituto. Aperas monate. Adreso: T. S. Martin, Kuzmány str. 29, ČSR-Slovakio. Fondinto A. Váňa. — Redaktas: E. V. Tvarožek kaj la respondeca reprezentanto Dr. Ludoviko Izák. — Abonprezo por eksterlando: 16 int. respondkuponoj aŭ egalvaloro en Esperantaj libroj.

Tlačiareň — Presejo: KÚS, T. S. Martin.